




# RUĜA FLORO

DE

V. GARŜIN



TRADUKO DE

**K. BOGUŜEVIĈ**




PARIS
PRESA ESPERANTISTA SOCIETO
33, RUE LACÉPÈDE, 33

# RUĜA FLORO

DE

V. GARŜIN



TRADUKO DE

K. BOGUŜEVIĈ



Dr. Frz. Christanell
Parsch-Salzburg

PARIS
PRESA ESPERANTISTA SOCIETO
33, RUE LACÉPÈDE

1905

701387-B

# RUĜA FLORO

## I

— Je la nomo de Lia Imperiestra Moŝto, Sinjoro Imperiestro Petro la Unua, mi anoncas revidadon al tiu ĉi frenezulejo!

Tiuj ĉi vortoj estis diritaj per laŭta, akra, sonora voĉo. La skribisto de l'malsanulejo, kiu enregistris la malsanulon en grandan eluzitan libron sur inkemakulita tablo, sin ne detenis de rideto. Sed la du junaj homoj, akompanantaj la malsanulon, ne ridis: ili apenaŭ sin tenis sur la piedoj post du tagoj pasigitaj sen dormo, solaj kun la frenezulo, kiun ili ĵus alveturigis per fervojo. La furiozatako plifortiĝis ĉe l'antaŭlasta stacio; ie oni trovis frenezulan ĉemizon kaj, vokinte konduktoron kaj ĝendarmon, surmetis al la malsanulo. Tiel oni veturigis lin en la urbon, tiel liveris en la malsanulejon ankaŭ.

Li estis timinda! Super la ĉifonete disŝirita dum la atako de furiozo griza vesto, jako el maldelikata tolo kun larĝa eltranĉaĵo ĉirkaŭpremis lian talion; longaj manikoj alpremis liajn brakojn al la brusto kruce kaj estis kunligitaj poste. La brulumitaj, larĝe malfermitaj okuloj (li ne dormis dek tagojn) brulis per senmova, varmega brilo; nerva konvulsio ŝancelis la randon de l'malsupra lipo; la malordiĝintaj krispaj haroj falis

kolhare sur la frunton; li per rapidaj, pezaj paŝoj iris de angulo al angulo de l'kontoro, esploreme rigardadante maljunajn ŝrankojn kun paperoj kaj vakstolajn seĝojn kaj malofte ekrigardante siajn kunulojn.

— Dekonduku lin en la apartaĵon. Dekstre.

— Mi scias, scias. Mi estis jam ĉi tie kun vi la pasintan jaron. Ni rigardis la malsanulejon. Mi ĉion scias, kaj min estos malfacile trompi, — diris la malsanulo.

Li turnis sin al la pordo. Gardisto malfermis ĝin antaŭ li; per la sama rapida, peza kaj decida paŝado, alte levinte la frenezan kapon, li eliris de l'kontoro kaj preskaŭ kure ekiris dekstren la apartaĵon por animmalsanuloj. La akompanantoj malfacile povis sekvi lin.

— Sonorigu. Mi ne povas. Vi ligis al mi la manojn.

La pordisto malfermis la pordon, kaj la venintoj enpaŝis la malsanulejon.

Tiu ĉi estis granda konstruaĵo ŝtona de malnova regna konstruo. Du grandaj ĉambregoj, unu — manĝejo, dua — komuna por la kvietaj malsanuloj, larĝa koridoro kun vitrita pordo, eliranta ĝardenon, havantan florejon, kaj du dekoj ĉirkaŭe da apartaj ĉambroj, kie loĝis malsanuloj, okupis la malsupran etaĝon; sur tiu ĉi etaĝo ankaŭ estis aranĝitaj du mallumaj ĉambroj, unu — tapetita per matracoj, la alia — per tabuloj, en kiuj oni ŝlosis la malkvietajn, fine grandega malgajiga ĉambro kun arkaĵoj — bankuvejo. La supran etaĝon okupis la virinoj. Neharmonia bruo, rompata de ekploregadoj kaj ekĝemoj, flugis el tie. La malsanulejo estis aranĝita por okdeko da personoj, sed tial ke ĝi unu sola servis al kelke da ĉirkaŭaj gubernioj, en tiu lokiĝis ĝis tricent. En negrandaj

kameretoj estis po kvar kaj po kvin litoj; vintre, kiam la malsanulojn oni ne ellasis ĝardenon, kaj ĉiuj fenestroj post feraj kradoj estis nemalfermeble ŝtopitaj, en la malsanulejo fariĝis neelporteble sufoke.

La novan malsanulon oni alkondukis la ĉambron, en kiu estis bankuvoj. Eĉ sur sanulon ĝi povis fari premegan impreson, kaj la senordiĝintan, ekscititan imagon efikis tiom pli premege. Tio ĉi estis granda ĉambro kun àrkaĵoj, kun glueca ŝtona planko, lumigata de unu fenestro farita en angulo; la muroj kaj arkaĵoj estis kolorigitaj per malhelruĝa olea kolorilo; en la nigriĝinta pro koto planko, nivele kun tiu ĉi, estis enfaritaj du kuvoj el ŝtono, kiel du ovalaj, plenigitaj je akvo, kavoj. Grandega kupra forno surhavanta cilindran kaldronon por la varmigado de akvo kaj tutan aron da kupraj tubetoj kaj kranoj okupis angulon kontraŭ la fenestro; la tuto havis neordinare malgajan kaj fantazian por senordigita kapo karakteron, kaj la administranta la kuvojn gardisto, dika, eterne silentanta malgrandruso, per sia malluma fizionomio pligrandigis la impreson.

Kaj kiam la malsanulon oni enkondukis tiun ĉi timigan ĉambron, por fari al li kuvbanon kaj, laŭ la kuracsistemo de l'ĉefdoktoro de la malsanulejo, surmeti sur lian nukon grandan kantaridon, li teruriĝis kaj ekfurioziĝis. Sensencaj pensoj, unu pli monstra ol alia, ekturniĝis en lia kapo. Kio estas tio ĉi? Inkvizicio? Loko de sekreta ekzekuto, kie liaj malamikoj decidis senvivigi lin! Eble, la infero mem. Al li venis fine en la kapon, ke ĝi estas ia turmentesplorado. Lin oni senvestigis, malgraŭ malespera kontraŭbatalo. Kun duobligita de la malsano forto li facile sin eltiris el la manoj de kelkaj gardistoj, tiel ke tiuj falis planken; fine, kvaropo faligis lin kaj, kaptinte je la brakoj

kaj je la piedoj, mallevis en varman akvon. Al li ĝi ŝajnis kiel bolaĵo, kaj en la freneza kapo ekflugis sensenca, fragmenta penso pri la turmentesploro per bolakvo kaj brulruĝigita fero. Sufokiĝante, glutante akvon kaj konvulsie baraktante per la manoj kaj la piedoj, je kiuj lin fortike tenis la gardistoj, li kriis sensencajn frazojn, kiujn neeble estas imagi, ne aŭdinte ilin efektive. En ili estis kaj preĝoj, kaj malbenoj. Li kriadis, ĝis li perdis la fortojn, kaj fine, mallaŭte, kun varmegaj larmoj, diris frazon, perfekte malsimilantan la antaŭan parolaĵon :

— Sankta granda turmentitulo Georgo! En la manojn ciajn mi fordonas mian korpon. Sed la spiriton — ne, ho, ne!...

La gardistoj ĉiam ankoraŭ tenadis lin, kvankam li jam estis trankviliĝanta. La varma kuvbano kaj veziko kun glacio, metita sur la kapon, faris sian efikon. Sed kiam lin, preskaŭ senkonscian, oni elmetis de l' akvo kaj sidigis sur seĝeton, por almeti kantaridon, la resto de l'fortoj kaj la frenezaj pensoj denove kvazaŭ eksplodis.

— Por kio ? por kio ? — kriis li — mi al neniu volis malbonon. Pro kio mortigi min ? O-o-o! Ho, Sinjoro! Ho, vi, la turmentataj antaŭ mi! Vin mi preĝas, liberigu...

Bruliganta tuŝeto al la nuko igis lin malespere sin eltiri. La servistoj ne povis lin superforti kaj ne sciis kion fari. — Nenio estas farebla, — diris la faranta operacion soldato — oni devas forfroti.

Tiuj ĉi simplaj vortoj ektremigis la malsanulon. «Forfroti... kion forfroti ? Kiun forfroti ? Min!» ekpensis li kaj je morta teruro fermis la okulojn. La soldato prenis per du randoj maldelikatan viŝilon kaj, forte surpremante, rapide trairigis tiun ĉi sur la nuko,

deŝirinte de ĝi kaj la kantaridon, kaj la supran haŭttavolon, kaj restiginte nudigitan, ruĝan frotvundon. Doloro pro tiu operacio, ne elportebla eĉ al trankvila kaj sana homo, ŝajnis al la malsanulo la fino de ĉio. Li kun malespero sin ektiregis per la tuta korpo, sin elŝiris el la gardistaj brakoj, kaj lia nuda korpo ekruliĝis sur la ŝtonaj platoj. Li kredis, ke al li oni dehakis la kapon. Li volis ekkrii kaj ne povis. Lin oni forportis sur liton en senkonscio, kiu fariĝis profunda, morta kaj longedaŭra dormo.

## II

Li rekonsciiĝis nokte. Silenta estis ĉio; el l'apuda granda ĉambro estis aŭdata la spirado de l'dormantaj malsanuloj. Ie malproksime, per unutona stranga voĉo parolis kun si mem malsanulo, enmetita por la nokto en la malluman ĉambron, kaj de l'supro, el la virina fako, raŭka kontralto kantis ian sovaĝan kanton. La malsanulo aŭskultadis atente ĉi tiujn sonojn. Li sentis treegan malfortecon kaj lacegecon en ĉiuj membroj; la kolo forte doloris lin.

« Kie mi estas ? Kio al mi estas ? » venis lian kapon. Kaj subite kun eksterordinara heleco stariĝis antaŭ lin la lasta monato de lia vivo, kaj li ekkomprenis, ke li malsanas, kaj kiel malsanas. Li rememoriĝis vicon da sensencaj pensoj, diroj kaj agoj kaj ili tremigis la tutan ekzistaĵon. « Sed tio estas finita, glor' al Dio, finita ! » murmuretis li, kaj ree ekdormis.

La malfermita fenestro kun feraj kradoj rigardis en malgrandetan anguleton inter grandaj konstruaĵoj kaj ŝtona ĉirkaŭbaro; tiun anguleton neniu iam envenis, kaj ĝi tuta dense estis kovrita per kreskanta tie sovaĝa arbetaĵo kaj siringujo, lukse floranta dum tiu

jartempo... Post la arbetaĵo, rekte kontraŭ la fenestro, staris malluma alta barilo; la altaj suproj de l'arboj en granda ĝardeno, superverŝataj kaj trapenetrataj de luna lumo, rigardis el-post ĝi. Dekstre leviĝis la blanka konstruaĵo de l'malsanulejo kun lumantaj de interne fenestroj post feraj kradoj; maldekstre — la blanka, hela pro la luno, senfenestra muro de mortulejo. La lunlumo falis tra la fenestra krado en la internon de l' ĉambro, sur la plankon kaj lumigis parton de la lito kaj la elturmentitan, palan vizaĝon de la malsanulo kun la okuloj fermitaj; nun en li nenio estis freneza. Ĝi estis la profunda peza dormo de elturmentita homo, sen sonĝoj, sen plej malgranda movo kaj preskaŭ senspira. Por kelke da momentoj li vekiĝis en plena konscio, kvazaŭ sanulo, por leviĝi matene el la lito, kiel antaŭe.

## III

— Kiel vi fartas ? — demandis lin je la sekvanta tago la doktoro.

La malsanulo, antaŭ tre nelonge vekiĝinta, ankoraŭ kuŝis sub la litkovrilo.

— Plej bone! — respondis li, elsaltante, surmetante pantoflojn kaj kaptante frenezulsurtuton — belege! Nur jen tio ĉi!

Li montris sian nukon.

— Mi ne povas turni la kolon sen doloro. Sed tio ĉi ne estas mizero. Bona estas ĉio, se vi ĝin komprenas; kaj mi ja komprenas.

— Vi scias, kie vi estas ?

— Certe, doktoro! Mi estas en frenezulejo. Sed se oni komprenas, tio estas tutegala. Jes, tutegala.

La kuracisto atente rigardadis liajn okulojn. Lia bela, dorlotita vizaĝo, kun plej bone kombita barbo kaj trankvilaj ĉielbluaj okuloj, kiuj rigardis tra oraj okulvitroj, estis senmova kaj nepenetrebla. Li estis observanta.

— Kial vi tiel senforige rigardas min ? Vi ne tralegos tion, kio estas en mia animo, — daŭrigis la malsanulo — sed mi klare legas en la via ! Por kio vi faras malbonon ? Por kio vi kolektis tiun ĉi amason da malfeliĉuloj kaj tenas ĝin ĉi tie ? Por mi estas tute indiferente: mi ĉion komprenas kaj estas trankvila; sed ili ? Por kio tiuj turmentoj ? Por homo, kiu atingis tion, ke en lia animo estas granda ideo, komuna ideo — por li indiferente estas, kie vivi, kion senti. Eĉ vivi kaj ne vivi... ĉu ne vere ?

— Eble, — rediris la kuracisto, sidiĝante sur seĝon en angulo de l'ĉambro, tiamaniere, ke li vidu la malsanulon, kiu rapide marŝis de angulo al angulo, frapante per grandegaj pantofloj el ĉevala ledo kaj dissvingante la baskojn de surtuto el kotona ŝtofo surhavanta larĝajn ruĝajn striojn kaj grandajn florojn. La akompanintaj la kuraciston subkuracisto kaj observisto daŭrigis stari sin rektigante ĉe la pordo.

— Mi ankaŭ ĝin havas ! — ekkriis la malsanulo. Kaj kiam mi trovis ĝin, mi eksentis min renaskiĝinta. La sentoj iĝis pli akraj, la cerbo laboras, kiel neniam. Kio antaŭe estis atingata per longa vojo de saĝokonkludoj kaj divenoj, tion nune mi ekkoniĝas intuitive. Mi atingis reale tion, kio estas ellaborita de l'filozofio. Mi travivas per mi mem la grandajn ideojn pri tio, ke la spaco kaj la tempo — estas fikcioj. Mi vivas en ĉiuj jarcentoj. Mi vivas sen spaco, ĉie aŭ nenie, kiel vi volas. Kaj tial al mi estas tute egale, ĉu tenas vi min ĉi tie, aŭ delasos al la libero, ĉu libera mi estas,

aŭ ligita. Mi rimarkis ke ĉi tie troviĝas ankoraŭ kelke da tiaj samaj. Sed por la cetera amaso tiu situacio estas terura. Kial vi ne liberigas ilin ? Al kiu bezona . . .

— Vi diris, — interrompis lin la kuracisto — ke vi vivas ekster la tempo kaj spaco. Tamen, ne estas nekonsentebla, ke mi kun vi estas en tiu ĉi ĉambro kaj ke nun — la doktoro elprenis horloĝon — duono de la dekunua, la 6-an de majo 18** jaro. Kion vi pensas koncerne tion ?

— Malofta logiko, — diris li, sin levante. — Eble, vi estas prava. Ĝis la revido ! Ĉu vi ne volas cigaredon ?

— Mi dankas vin. — Li haltis, prenis cigaron kaj nerve demordis ĝian pinton. — Tio ĉi helpas pensadi, — diris li — tio ĉi estas mondo, mikrokosmo. Sur unu rando estas bazoj, sur la alia acidoj... Sama estas egalpezo de l'mondo ankaŭ, en kiu neŭtraliĝas la kontraŭaj elementoj... Adiaŭ doktoro!

La kuracisto ekiris pluen. La pli granda parto de l'malsanuloj atendis lin, sin rektiginte apud siaj litoj. Neniu estro ĝuas tian respekton de siaj subuloj, kian kuracisto-psikiatro de siaj frenezuloj.

La malsanulo do, restinte sola, daŭrigis maltrankvile iradi de angulo al angulo en la kamero. Al li oni alportis teon, li, ne sidiĝante, je du plengorĝoj malplenigis grandan kruĉon kaj preskaŭ unumomente formanĝis grandan pecon da blanka pano. Post tio li eliris de l'ĉambro kaj dum kelkaj horoj, senhalte, marŝadis en la tuta domo per sia rapida kaj peza paŝaro el unu fino al alia. La tago estis pluva, kaj malsanulojn oni ne promenigis en la ĝardeno. Kiam la subkuracisto ekserĉis la novan malsanulon, al li oni montris al la fino de l'koridoro, li staris tie ĉi, algluiĝinta vizaĝe al vitro de l'vitrita pordo ĝardena, kaj senmove

rigardadis la florejon. Lian atenton altiris ia malordinare hela purpura floro, unu el la specoj de l'papavo.

— Volu veni por vin pesigi, — diris la subkuracisto, tuŝante lin al la ŝultro. Kaj kiam li turniĝis al li kun la vizaĝo, li apenaŭ ne forpaŝis, ektimante : tiom da sovaĝa malboneco kaj malamo flamis en la frenezaj okuloj. — Sed ekvidinte la subkuraciston, li tuj ŝanĝis la mienon kaj obeeme iris post li, ne dirinte eĉ unu vorton, kvazaŭ droniĝinta en profundan pensadon. Ili pasis la doktoran kabineton ; la malsanulo mem ekstaris sur la platformon de negranda decimala pesilo ; la subkuracisto, pesinte lin, notis en la libro apud lia nomo 109 funtojn. En la sekvinta tago estis 107, la trian 106.

— Se ĝi daŭros, li ne povos vivi, — diris la kuracisto, kaj ordonis ke oni nutru lin kiel eble plej bone.

Sed malgraŭ ĉi tio kaj la eksterordinara apetito de l'malsanulo, li malgrasiĝadis kun ĉiu tago, kaj la subkuracisto ĉiutage enskribis ĉiam malpli kaj malpli grandan nombron de l'funtoj. La malsanulo preskaŭ ne dormis kaj la tutajn tagojn pasigis en neĉesanta moviĝado.

## IV

Li konsciis, ke li estas en frenezulejo ; li konsciis eĉ, ke li estas malsana. Iafoje, kiel en la unua nokto, li vekiĝis kvieta post la tuta tago da malkvieta movado, sentante doloron en la tuta membraro kaj ekstreman pezon kape, sed plene konscia. Eble, la manko de impresoj en la nokta trankvilo kaj duonlumo, eble, la malforta laborado de l'cerbo de ĵus vekiĝinta homo faris, ke dum tiaj minutoj li klare komprenis sian si-

tuacion kaj estis kvazaŭ sana. Sed venis tago; kune kun la lumo kaj vekiĝo de l'vivo en la malsanulejo, lin ree onde ekĉirkaŭkaptis la impresoj; la malsana cerbo ne povis venki ilin, kaj li ree estis freneza. Lia stato estis stranga mikso de ĝustaj juĝadoj kaj sensencaĵoj. Li komprenis, ke ĉirkaŭ li ĉiuj estas malsanuloj, sed samtempe en ĉiu el ili vidis iun sekretan, kaŝantan sin aŭ kaŝatan personon, kiun li konis antaŭe, aŭ pri kiu legis aŭ aŭdis. La malsanulejo estis loĝata de homoj el ĉiuj tempoj kaj el ĉiuj landoj. Tie ĉi sin trovis kaj vivaj, kaj mortaj. Tie ĉi estis gloruloj kaj potenculoj de l'mondo kaj soldatoj, mortigitaj en la lasta milito kaj reviviĝintaj. Li vidis sin en ia mistera, sorĉita rondo, kiu kolektis sin en la tutan forton de l' tero, kaj en fiera ravego opiniis sin en la centro de tiu rondo. Ili ĉiuj, liaj kamaradoj en la malsanulejo, kunvenis tien ĉi por plenumi aferon malklare imagatan de li kiel giganta entrepreno, celanta la pereigon de l' malbono sur la tero. Li ne sciis, en kio ĝi konsistos, sed sentis en si sufiĉe da fortoj por ĝin efektivigi. Li povis legi la pensojn de l'aliaj homoj; vidis en objektoj la tutan ilian historion; la grandaj ulmoj en la malsanuleja ĝardeno rakontis al li tutajn legendojn el la travivito; la domon, efektive konstruitan sufiĉe antaŭ longe, li kredis esti konstruita de Petro Granda kaj estis certa, ke la caro loĝis en ĝi dum la epoko de Poltava batalo. Li legis tion sur la muroj, sur la defalinta ŝtukaĵo, sur la brik- kaj kahelpecoj, trovataj de li ĝardene; la tuta historio pri la domo kaj ĝardeno estis surskribita sur ili. Li loĝigis la malgrandan konstruaĵon de l'mortulejo per dekoj kaj centoj de homoj de longe mortintaj kaj atente rigardadis tra eta fenestro, eliranta de ĝia subteraĵo en ĝardeneton, vidante je la senebena brilo de l'lumo en maljuna sepkolora kaj

malpura vitro iajn konatajn trajtojn viditajn de li iam antaŭe en la vivo aŭ sur portretoj.

Dume, venis klarĉiela, bona vetero; la malsanuloj la tutajn tagojn pasigis en l'aero en la ĝardeno. En ilia ĝardena fako, negranda, sed kie dense kreskis arboj, estis ĉie, kie ĝi estis ebla, plantitaj floroj. La observisto igis labori en ĝi ĉiujn, iom kapablajn por la laboro; daŭre tutaj tagoj ili balaadis kaj surŝutis sable la vojetojn, sarkis kaj akvoverŝis la bedojn de floroj, kukumoj, akvomelonoj kaj melonoj, fositajn de iliaj propraj manoj. En la ĝardeno kreskis densa ĉerizarbaro; laŭ ties longo sin etendis ulmaleoj; en la mezo, sur malgranda artefarita eta monto, estis dismetita la plej bela florejo el la tuta ĝardeno; helaj floroj kreskis sur la randoj de l'supra placeto, kaj centre de tiu ĉi oni vidis belan grandan, grandspecan kaj maloftan flavan kun ruĝaj ŝprucetoj dalion ; ĝi faris ankaŭ la centron de la tuta ĝardeno, altiĝante super tiu, kaj estis rimarkinde,ke multaj malsanuloj donis al ĝi ian misteran signifon. Al la nova malsanulo ĝi ŝajnis ankaŭ kiel io ne tute ordinara, kiel ia paladio de l'ĝardeno kaj domo. La vojetoj ĉiuj estis ankaŭ borderitaj per la manoj de la malsanuloj. Tie ĉi estis diversaj floroj, renkontataj en malgrandrusaj ĝardenetoj; altaj malvoj, helkoloraj petunioj, arbetoj de l'alta tabako surportantaj negrandajn rozajn florojn, mento, velurfloroj, nasturcioj kaj papavoj. Tie ankaŭ ne malproksime de l'perono, kreskis tri papavujetoj de ia malordinara speco; ĝi estis multe pli granda ol la ordinara kaj diferencis de ĝi per la eksterordinara heleco de sia purpura koloro. Ĝuste tiu ĉi floro atentigis la malsanulon, kiam li, la unuan tagon post la alveno en la malsanulejon, rigardis en la ĝardenon, tra la vitrita pordo.

Elirinte por la unua fojo la ĝardenon, li antaŭ ĉio, ne deirante de la ŝtupoj de l'perono, ekrigardis al la helaj floroj. Ili estis nur du; okaze ili kreskis aparte de l'aliaj kaj sur ne arkita loko, tiel ke densa atriplaro kaj ia balaaĵherbo ĉirkaŭis ilin.

La malsanuloj unu post alia eliradis el la pordo, ĉe kiu staris gardisto kaj donis al ĉiu el ili dikan blankan, trikitan el kotonfadenoj ĉapon kun ruĝa kruco frunte. Tiuj ĉapoj estis vizitintaj militon kaj estis aĉetitaj je aŭkcio. Sed la malsanulo, kompreneble, donis al tiu ruĝa kruco ian apartan, misteran signifon. Li demetis de si la ĉapon kaj rigardadis la krucon, post tio la florojn de l'papavujoj. La floroj estis pli helaj.

— Ĝi venkas, — diris la malsanulo, — sed ni vidos.

Kaj li malsuriris de l'perono. Ĉirkaŭrigardinte kaj ne rimarkinte la gardiston starantan poste de li, li transpaŝis la bedon kaj eketendis la manon al floro, sed ne decidis deŝiri ĝin. Li eksentis varmegon kaj pikadon en la etendita mano, kaj poste en la tuta korpo ankaŭ, kvazaŭ ia forta fluo de nekonata al li forto elvenus de l'ruĝaj florfolietoj kaj trapikus la tutan lian korpon. Li sin almovis pli proksime kaj eltiris la manon, sed la floro, kiel al li ŝajnis, sin defendis, eligante venenan, mortoportan spiradon. Lia kapo ekturniĝis; li faris lastan malesperan ekpenon kaj jam kaptis la trunketon, kiam subite multepeza mano ekkuŝis sur lia ŝultro. La gardisto kaptis lin.

— Malpermesite estas deŝiri, — diris la maljunulo malgrandruso. — Kaj sur la bedon vi ne iru. Tie ĉi multe da vi, frenezuloj, troviĝos; ĉiu po unu floro, la tutan ĝardenon ili disportos, — konvinkige diris li, daŭrigante teni lin je ŝultro.

La malsanulo rigardis lian vizaĝon, senparole sin liberigis de lia mano kaj en ekscitiĝo ekiris sur la vojeto. — « Ho, bedaŭrindaj ! — pensis li. — Vi ne vidas, vi estas blindigitaj ĝis tia grado, ke vi defendas ĝin. Sed kio ajn okazos, mi senvivigos ĝin. Ne hodiaŭ, do morgaŭ ni interkomparos la fortojn. Kaj se mi pereos, ĉu ne estas tutegale ! »

Li promenadis tra la ĝardeno ĝis la vespero, konatiĝante kun aliaj malsanuloj kaj kondukante strangajn interparoladojn, en kiuj ĉiu el la kunparolantoj aŭdis sole la respondojn je siaj frenezaj pensoj, esprimataj sensence per misteraj vortoj. La malsanulo iradis jen kun unu kolego, jen kun alia, kaj je la tagfino ankoraŭ pli konvinkiĝis, ke «la tuto estas preta», kion li diris mem al si. Baldaŭ, baldaŭ disfalos la feraj kradoj, ĉiuj ĉi malliberigitoj eliros de tie ĉi kaj kuros al ĉiuj terrandoj, kaj la tuta mondo ektremos, forĵetos de si la malnovan ĉirkaŭvolvaĵon kaj aperos je nova, mirinda beleco. Li preskaŭ forgesis pri la floro ; sed forirante el la ĝardeno kaj leviĝante sur la peronon, li ree vidis en la densaj malhelaj herboj, kiujn jam komencis kovri la roso, kvazaŭ du ruĝajn karbetojn. Tiam la malsanulo restis sola de l'amaso kaj, ekstarinte post la gardisto, atendis oportunan momenton. Neniu vidis, kiel li transsaltis la bedon, ekkaptis la floron kaj rapidegante kaŝis ĝin sur sia brusto sub la ĉemizo. Kiam la freŝaj, rositaj folioj tuŝetis lian korpon, li paliĝis, kiel mortulo, kaj pro teruro larĝe malfermis la okulojn. Malvarma ŝvito aperis sur lia frunto.

En la malsanulejo oni lumigis lampojn ; atendante la vespermanĝon la plej granda parto el la malsanuloj sin kuŝigis sur la litojn, ekster kelkaj maltrankvilaj, rapide marŝadantaj en la koridoro kaj ĉambregoj. La malsanulo kun la floro sin trovis inter ili. Li

iris, konvulsie kunpreminta la brakojn sur sia brusto krucaforme; ŝajnis, ke li volis dispremi, frakasi la kaŝitan sur ĝi kreskaĵon. Ĉe la renkonto kun aliaj li malproksime ĉirkaŭiris ilin, timante tuŝeti ilin per la vestaĵo. « Ne aliru, ne aliru! » kriis li. Sed en la malsanulejo al tiaj krioj malmultaj turnis atenton. Li iradis do pli kaj pli rapide, faris paŝojn pli kaj pli grandajn, iradis unu horon, du kun ia furioziĝo.

— Mi lacigos cin. Mi sufokos cin! — surde kaj kolere parolis li. Iafoje li grincigis la dentojn.

En la manĝejon oni alportis vespermanĝon. Sur grandajn tablojn sentablotukajn oni starigis po kelke da lignaj, kolorigitaj kaj oritaj tasegoj enhavantaj maldensan milian kaĉsupon; la malsanuloj sin sidigis sur benkoj; al ili oni disdonis po unu peco da nigra pano. Ili manĝis per lignaj kuleroj po ĉirkaŭ ok personoj el unu tasego. Al kelkaj, ĝuintaj plibonan nutraĵon, oni alportis aparte. Nia malsanulo, rapide englutinte sian porcion alportitan de gardisto, kiu vokis lin en lian ĉambron, ne kontentiĝis per ĝi kaj iris la komunan manĝoĉambron.

— Permesu min sidiĝi tien ĉi, — diris li al la observisto.

— Ĉu vi ne vespermanĝis ? — demandis la observisto disverŝanta la aldonajn porciojn de l'kaĉo en tasegojn.

— Mi estas tre malsata. Kaj mi devas multe plifortigi min. La tuta mia subteno estas en la nutraĵo: vi scias, ke mi absolute ne dormas.

— Manĝu, kara, por sano. Taraso, donu al li kuleron kaj iom da pano.

Li sidiĝis al unu el la tasoj kaj manĝis ankoraŭ grandegan kvanton da kaĉo.

— Nu, sufiĉe, sufiĉe, — diris fine la observisto,

kiam ĉiuj finis vespermanĝi; sed nia malsanulo daŭrigis sidadi ĉe la taso, ĉerpante el ĝi per unu mano la kaĉon, kaj per la alia fortike tenante la bruston. — Vi tromanĝos.

— Ha, se vi scius, kiom da fortoj mi bezonas, kiom da fortoj! Adiaŭ, Nikolaj Nikolajeviĉ, — diris la malsanulo, leviĝante de l'tablo kaj forte premante la manon al la observisto. — Adiaŭ!

— Kien do vi? — ekdemandis kun rideto la observisto.

— Mi? Nenien. Mi restas. Sed eble, la morgaŭan tagon ni ne revidos nin. Mi dankas vin por via boneco.

Kaj li ankoraŭ unu fojon forte premis la observistan manon. Lia voĉo tremis, sur la okuloj eliris larmoj.

— Trankviliĝu, kara, trankviliĝu, — rediris la observisto. — Kial tiel malgajaj pensoj? Iru, kuŝiĝu, kaj dormu bone. Vi devos kiel eble plej multe dormi; se vi dormos bone, vi rapide resaniĝos ankaŭ.

La malsanulo ploregis. La observisto turniĝis, por ordoni al la gardistoj plej baldaŭ forigi la restaĵojn de l'vespermanĝo. Post duonhoro en la malsanulejo ĉio jam dormis, krom unu homo, kiu kuŝis ne senvestiginte sin sur lito en l'angula ĉambro. Li tremis, kiel februlo, kaj konvulsie premis al si la bruston, tute sorbigitan, kiel ŝajnis al li, per nekredebla mortiga veneno.

## V

Li ne dormis la tutan nokton. Li forŝiris tiun ĉi floron, tial ke li vidis en tia ago heroaĵon, kiun li devas fari. Je la unua ekrigardo tra la vitra pordo, la purpuraj florfolietoj altiris lian atenton, kaj al li ŝajnis,

ke li de tiu minuto plene ekkomprenis, kion ĝuste li devas fari sur la tero. En tiun helan ruĝan floron sin kolektis la tuta malbono de l'mondo. Li sciis, ke el papavo oni preparas la opion ; eble, tiu penso diskreskante kaj alprenante monstrajn formojn, igis lin krei la timindan fantazian fantomon. La floro por liaj okuloj prezentis per si la tutan malbonon ; ĝi ensorbis la tutan senkulpe elverŝitan sangon (tial ĝi estas ankaŭ tiel ruĝa), ĉiujn larmojn, la tutan galon homaran. Tio ĉi estis mistera, timinda estaĵo, la malo al Dio, Arimano, surpreninta modestan kaj nekulpan ŝajnon. Oni devis deŝiri ĝin kaj mortigi. Sed tio ĉi ne sufiĉas — oni devis ne lasi al ĝi ĉe la lastelspiro elverŝi sian tutan malbonon en la mondon. Jen pro tio li ankaŭ kaŝis ĝin sur sia brusto. Li esperis, ke al la mateno la floro perdos la tutan sian forton. Ĝia malbono transiros lian bruston, lian animon, kaj tie estos venkita aŭ venkos — tiam mem li pereos, mortos, sed mortos, kiel honesta batalanto kaj kiel l'unua batalanto de l'homaro, ĉar ĝis hodiaŭ neniu kuraĝis kontraŭbatali samtempe al la tuta monda malbono.

— Ili ne vidis ĝin. Mi vidis. Ĉu mi povas lasi ĝin vivi ? Pli bone la morto.

Kaj li kuŝis, malfortiĝante en fantoma, neekzistanta batalado, sed tamen malfortiĝante. Matene la subkuracisto trovis lin apenaŭ vivan. Sed malgraŭ tio, post iom da tempo la ekscitiĝo venkinta, li saltis el la lito kaj kiel antaŭe ekkuradis tra la malsanulejo, interparolante kun malsanuloj kaj kun si mem pli laŭte kaj pli sensence, ol iam. Lin oni ne ellasis ĝardenon ; la kuracisto, vidante, ke lia pezo malgrandiĝas, kaj ke li daŭrigas nedormi kaj ĉiam iradas kaj iradas, ordonis ke oni injektu al li sur la haŭton grandan dozon da morfino. Li ne kontraŭstaris — feliĉe, je tiu tempo

liaj frenezaj pensoj iel sin akordigis kun tiu ĉi operacio. Li baldaŭ ekdormis; la furioza movado ĉesis, kaj la konstante akompananta ĝin kreiĝinta el la takto de liaj sentrankvilaj paŝoj, laŭtesonanta motivo malaperis el la oreloj. Li ekforgesiĝis kaj ĉesis pensi pri ĉio eĉ pri la dua floro, kiun li devas forŝiri.

Tamen li forŝiris ĝin post tri tagoj, antaŭ la okuloj de l'maljunulo, kiu ne havis la tempon por deteni lin. La gardisto ekpersekutis lin. Kun laŭta triumfanta krio la malsanulo enkuris la malsanulejon kaj, sin ĵetinte en sian ĉambron, kaŝis la kreskaĵon sur la brusto.

« Ci kial florojn ŝiras? » demandis la alkurinta post li gardisto. Sed la malsanulo jam kuŝanta en la lito en la kutima pozo kun la krucigitaj brakoj, komencis paroladi tiajn sensencaĵojn, ke la gardisto nur silente demetis de li la ĉapon kun ruĝa kruco, forgesitan de li dum la rapida forkurado kaj foriris. La fantoma interbatalado rekomenciĝis. La malsanulo sentis ke la malbono sin eltordadas el la floro je longaj, similaj al serpentoj, rampantaj fluaĵoj; ili ĉirkaŭvolvis lin, kunpremis kaj sufokis la korpomembrojn kaj trasaturis la tutan korpon per sia terura enhavo. Li ploris kaj preĝis al Dio en paŭzoj inter la malbenoj, turnataj al sia malamiko. Je la vespero la floro estis velkinta. La malsanulo disbatis per la piedoj la nigriĝintan kreskaĵon, deprenis la restojn de la planko kaj portis en la bankuvejon. Ĵetinte la senforman buleton de verdaĵo en brulvarmigitan per karbo fornon, li longatempe rigardis, kiel lia malamiko muĝis, kuntiriĝis kaj fine aliformiĝis molan, neĝeblankan buleton de cindro. Li blovis, kaj la tuto ekmalaperis.

La sekvintan tagon la malsanulo iĝis pli malbonfarta. Timinde pala, kun kaviĝintaj vangoj, kun

profunde interniĝintaj en la okulkavaĵojn flamantaj okuloj, li, per jam ŝanceliĝantaj paŝoj kaj ofte faletante, daŭrigis sian furiozan marŝadon kaj parolis, parolis senfine.

— Mi ne volus uzi perforton — diris al sia helpanto la ĉefa doktoro.

— Sed ja estas necese haltigi tiun ĉi laboradon. Hodiaŭ li pezas 93 funtojn. Se ĝi daŭros, li mortos post du tagoj.

La ĉefa kuracisto ekpensis. — Morfino? Kloralo? — diris li duondemande.

— Hieraŭ la morfino jam ne efikis.

— Ordonu ligi lin. Cetere, mi dubas, ke li restos viva.

## VI

Oni do ligis la malsanulon. Li kuŝis, vestita en frenezulan ĉemizon, sur sia lito, fortike alligita per larĝaj strioj de tolo al la feraj stangetoj de l'lito. La furiozeco de movoj ne malplifortiĝis, sed pli ĝuste kreskis. Daŭre multaj horoj li obstine penis sin liberigi de siaj katenoj. Fine fojon, forte ektireginte, li disŝiris unu el la ligiloj, liberigis la piedojn kaj elglitinte el-sub la aliaj, ekiradis, kun la manoj kunligitaj, en la ĉambro, kriante sovaĝajn, nekompreneblajn vortojn.

— Ho, pereu ci!... — ekkriis la enveninta gardisto. — Kiu al ci diablo helpas! Gricko! Ivano! Vi venu plej rapide, ĉar li disligis sin.

Ili triope ekatakis la malsanulon, kaj komenciĝis longedaŭra interbatalado, laciga por la atakantaj kaj

turmentiga por la defendanta sin homo, kiu elspezis la reston de l'konsumitaj fortoj. Fine, lin oni faligis sur la liton kaj alligis pli fortike, ol antaŭe.

— Vi ne komprenas, kion vi faras! — kriis la malsanulo, sufokiĝante. — Vi pereas! Mi vidis la trian, iomete disvolviĝintan. Nun ĝi jam estas preta. Lasu min fini la aferon! Mi devas mortigi ĝin, mortigi! mortigi! Tiam ĉio estos finita, ĉio savita. Mi sendus vin, sed ĝin povas fari nur mi. Vi mortus pro sola tuŝeto.

— Silentu, sinjorido, silentu! — diris la maljunulo-gardisto, restinta deĵoradi apud la lito.

La malsanulo subite eksilentis. Li decidis trompi la gardistojn. Lin oni tenadis ligitan dum la tuta tago kaj lasis en la sama situacio eĉ por la nokto. Nutrinte lin je vespermanĝo, la gardisto sternis ion apud la lito kaj sin kuŝigis. Post minuto tiu ĉi estis dormanta per fortika dormo, kaj la malsanulo komencis la laboron.

Li kurbigis la tutan korpon, por tuŝeti feran laŭlongan stangeton de l'lito, kaj alpalpinte ĝin per la manradiko kaŝita en longa maniko de l'frenezula ĉemizo, komencis rapide kaj forte froti la manikon kontraŭ la feron. Post kelka tempo la dika tolo ekcedis, kaj li elliberigis la montran fingron. Tiam la afero ekiris pli rapide. Kun tute nekredebla por sana homo lerto kaj fleksebleco, li malligis post si ligotuberon kuntirantan la manikojn, mallaĉis la ĉemizon kaj post tio longe aŭskultadis la ronkadon de l'gardisto. Sed la maljunulo dormis fortike. La malsanulo demetis la ĉemizon kaj sin deligis de l'lito. Li estis libera. Li ekzamenis la pordon; ĝi estas ŝlosita el interne, kaj la ŝlosilo, verŝajne, kuŝas en poŝo ĉe la gardisto. Pro la timo lin veki, li ne kuraĝis traserĉi la poŝojn kaj decidis foriri el la ĉambro tra la fenestro.

Estis kvieta, varma kaj malluma nokto; la fenestro estis malfermita; steloj brilis sur la nigra ĉielo. Li rigardadis ilin, distingante konatajn stelarojn kaj ĝojanta pri tio, ke ili, kiel al li ŝajnis, komprenas lin kaj kunsentas kun li. Palpebrumante, li vidis senfinajn radiojn, kiujn ili sendis al li, kaj la freneza decidemo pligrandiĝis. Oni devis defleksi dikan feran kradon, trarampi tra mallarĝa truo en la anguleton, kie dense kreskis la arbetoj, transiĝi trans alta ŝtona ĉirkaŭbarilo. Transe de ĝi okazos la lasta interbatalo, poste do — eĉ la morto.

Li provis fleksi la dikan kradon per nudaj manoj, sed la fero ne cedis. Tiam, tordinte el la fortikaj manikoj de l'frenezula ĉemizo ŝnuron, li alkroĉiĝis per ĝi al la elforĝita ĉe la pinto de l'krado pikilo kaj ekpendis sur ĝi per la tuta korpo. Post malesperaj penoj, preskaŭ konsumintaj la reston de liaj fortoj, la pikilo fleksiĝis; mallarĝa trairejo estis malfermita. Li trapuŝis sin tra ĝi, defrotinte al si la ŝultrojn, kubutojn kaj la nudigitajn genuojn, trapasis la arbetaron kaj haltis antaŭ la muro. Estis absoluta trankvilo; la fajroj de l' noktolampoj malforte lumigis de interne la fenestrojn de l'grandega konstruaĵo; en ili estis vidata neniu. Neniu rimarkos lin; la maljunulo, deĵoranta ĉe lia lito, kredeble, dormas nerompeblan dormon. La steloj afable palpebrumis per radioj penetrantaj ĝis lia koro.

— Mi iras al vi, — murmuretis li, rigardante la ĉielon.

Deglitinte post la unua provo, kun deŝiritaj ungoj, sangigitaj brakoj kaj genuoj, li komencis serĉi oportunan lokon. Tie kie la ĉirkaŭbaro kuniĝas kun mortuleja muro, el ĝi kaj el la muro elfalis kelke da brikoj. La malsanulo surpalpis tiujn kavaĵojn kaj utiligis ilin. Li surrampis la ĉirkaŭbaron, kaptis bran-

ĉojn de ulmo kreskanta je ĝia flanko, kaj mallaŭte sin malsuprenigis laŭ l'arbo teren.

Li ĵetis sin al la konata loko apud la perono. La floro staris kun sia malluma kapeto, kunvolvinte la folietojn kaj klare distingiĝante sur la herbo, kovrita de roso.

— Lasta! — murmuretis la malsanulo — lasta! Tiun ĉi tagon venko aŭ morto. Sed ĝi por mi jam estas indiferenta. Atendu, — diris li, rigardante al la ĉielo — mi baldaŭ estos kun vi.

Li elŝiris la kreskaĵon, disŝiris ĝin, ekĉifis kaj, tenante ĝin en la mano, reiris per la antaŭa vojo sian ĉambron. La maljunulo dormis. La malsanulo, kun malfacilo ĝisirinte al la lito, falis sur ĝin senkonscia.

Matene oni trovis lin mortintan. Lia vizaĝo estis trankvila kaj luma; la elturmentitaj trajtoj kun maldikaj lipoj kaj profunde enfalintaj fermitaj okuloj esprimis ian fieran feliĉon. Kiam lin oni kuŝigis sur portilon oni provis malpremi la manon kaj elpreni la ruĝan floron. Sed la mano estis rigidiĝinta, kaj li forportis sian venksignon en la tombon.



